HAMBURG Esperanto



6/1996

Decembro/Januaro

Bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r. a.

Ni malĝoje komunikas ke mortis
Honora Prezidanto de GEA kaj
membro de Hamburga Esperanto-Societo

# Elsbeth Bormann

*4.2.1930 + 26.10.1996

Germana Esperanto Asocio
— Landa Ligo Hamburg —
Hamburga Esperanto-Societo

## Funebra parolado de d-ro Ursula Niesert

Dum la entombiga ceremonio, la 1an de Novembro 1996, Ursula Niesert en Germana lingvo faris paroladon nome de Germana Esperanto-Asocio kaj kiel reprezentanto de la Esperantistaro. Ĉi tie ĉiuj, kiuj mem ne povis aŭdi la paroladon, povas legi Esperantan tradukon.

Kara Werner, karaj familianoj,
karaj amikoj de Elsbeth Bormann!

Kiel ruĝa fadeno, Esperanto iras tra la vivo de Elsbeth Bormann:

• Tuj post la milito ŝi lernis la Internacian Lingvon, kaj Esperanto fariĝis por ŝi ponto trans fosoj de malamo, malamikeco kaj milito, kaj sinonimo por praktikata internacia amikeco.

daŭrigo sur p. 4

## Enhavo



## Editoraĵoj


**Esperanto Hamburg**

Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Straße 95, D - 20535 Hamburg
Tel / Faks: (040) 2 50 30 65
*Postbank Hamburg (BLZ 200 100 20)*
*Kto. 173 22 - 207*
Ĉefredaktoro: *Benno Klehr, Oelkersallee 31, D - 22769 Hamburg,* ✆ *(040) 43 51 97*
Grafika koncepto: *Gerd Tigges*
Aranĝo kaj produktado: *Benno Klehr*


Redaktofino de n-ro 1/1997:
14 - 01 - 97

## Sentenco

Unu tagon ne ridinta
estas
unu tagon ne vivinta.

*NN*

## Ni funebras pri Elsbeth Bormann

kiu mortis la 26an de Oktobro 1996
en aĝo de 66 jaroj.

Ek de 1961, post transloĝiĝo al Hamburg, ŝi estis membro de *Hamburga Esperanto-Societo* kaj laboris en la loka Esperanto-laboro. Ŝi fariĝis estrarano de *HES* pri informado kaj ankaŭ aktivis en *GEA*. Inter 1969 kaj 1972 ŝi gvidis *Nordgermanan Esperanto-Ligon* (NOGELO), en 1973 ŝi fariĝis estrarano de *GEA*, en 1975 komisiito de *UEA* pri virina agado, de 1976 ĝis 1978 de nove estrarano de *HES*, en 1977 prezidanto de *GEA* kaj en 1980 prezidanto de Eŭropa Esperanto-Unio.

Pro opinidiverseco ĉefe rilate informadon, ŝi eksiĝis el *HES* en 1981.

En la sama jaro *Elsbeth Bormann* estis distingita per la **Federacia Meritkruco** de la ŝtata prezidento, pro siaj multaj sociaj aktivaĵoj kaj — Esperanto-agado.

En 1983 finiĝis ŝia prezidanteco en *GEA* kaj ŝi fariĝis Honora Prezidanto de *GEA*; poste komisiito pri Eŭropa agado.

Kiel estrarano de *Societo por Internacia Lingvo (GIS)* ŝi fariĝis en 1985 membro de la nove fondita *Landa Ligo Hamburg de GEA*.

En 1989, post kiam trankviliĝis la perturboj en la rilatoj, *Elsbeth* kaj *Werner Bormann* remembriĝis en *HES*.

En 1990 *Elsbeth* estis distingita per la **Arĝenta Ormedalo** de la loka parlamento de Bergedorf.

Dum kvar jardekoj *Elsbeth Bormann* aktivis en kongresa organizado, informa laboro (kun diversaj elsendaĵoj en radio kaj televido), prelegvojaĝoj kaj krom la esperantaj aktivaĵoj ankaŭ en politikaj, eklezaj aŭ sociaj organizoj kaj oficoj.

**Dum la pasintaj jaroj *Elsbeth* fariĝis kara amikino de ni ĉiuj, kaj ni malĝojas pro ŝia frua morto.**

Por la estraro de *HES*, *Benno Klehr*

Klubejo malfermita Ĵaŭde ekde 18:30.
*Manĝoj*: 19:00 - 19:30. *Programo*: 20:00.
*GIS*: laŭbezone; informoj: Tel. (0 40) 58 71 82 aŭ 7 38 45 08.

Klubhaus donnerstags ab 18:30 geöffnet.
*Essen*: 19:00 - 19:30. *Programm*: 20:00.
*GIS*: Zusammenkünfte nach Bedarf; Auskunft: Tel (0 40)58 71 82 oder 7 38 45 08.

## DECEMBRO

5 Klubejo fermita pro Sabata festo

7 Zamenhoffesto de Hamburga Esperanto-Societo
Komenco: 19.00 h
Bonvolu anonciĝi

Post la Zamenhoffesto la klubejo restas fermita ĝis la fino de la jaro.

## JANUARO

2 Klubejo fermita

9 Ni kantas (konatajn popolkantojn)

16 *Wolfgang Löbel:* Antaŭaj informoj pri la regiono de la Hansa Tago 1997

23 Lingvaj Ludoj

30 *Pia Haasis:* Literatura Vespero

Bonvolu ne forgesi,
sufiĉe frue pagi
**vian kotizon**
por la jaro 1997!

*daŭrigo de p. 1*

• Pere de Esperanto Elsbeth konatiĝis kun vi, kara Werner, kaj fondis vian familion.

• Per Esperanto ŝi efektivigis sian politikan engaĝiĝon, en sia partio, en la Eŭropa movado, en virinaj organizoj kaj en laboro por maljunuloj. Unuavice ŝi engaĝiĝis por paca interkompreno kaj samrajteco inter la popoloj en Eŭropo.

Tiel inter vi, kiuj konis ŝin, apenaŭ troviĝos iu, kiu ne aŭdis de ŝi pri tiu Internacia Lingvo, kiu fariĝis simbolo por la strebado al samrajta interkompreniĝo, por amika reciproka alproksimiĝo, por mondvasta kunlaborado sen lingva kuratorado.

Esperanto ludis grandan rolon por Elsbeth Bormann — KAJ:

Elsbeth Bormann ludis grandan rolon por Esperanto:

• Por Hamburga Esperanto-Societo • por Eŭropa Esperanto-Unio • por Universala Esperanto-Asocio – sed tute speciale • por Germana Esperanto-Asocio, en kies nomo mi parolas.

• Jam en 1950 kiel freŝe bakita Esperantistino ŝi membriĝis en la ĵus refondita Germana Esperanto-Asocio.

• De 1977 ĝis 1983 kaj 1994/1995 ŝi estis prezidanto de GEA kaj

• dum multaj jaroj kiel Eŭropo-komisiitino ŝi zorgis pri bonaj kontaktoj al parlamentanoj, kaj eĉ la severa malsaniĝo ne povis malhelpi al ŝi ĝis la fino aktivi por Esperanto.

• Germana Esperanto-Asocio distingis Elsbeth Bormann pro ŝia granda kaj sukcesa engaĝiĝo en 1978 per sia *Honora Insigno,* kaj poste per la *Honora Prezidanteco.*

Tio okazis en 1983, tiu jaro kiam mi (U. Niesert) renkontis Esperanton. Mi konatiĝis kun Elsbeth Bormann estanta honora prezidanto. Speciale ŝi altiris min per sia varmkora kaj malferma maniero, kiel ŝi – sen ia aroganteco aliris "novulojn". —

Certe, vi estis vera Esperanto-familio: vi, kara Werner, jam venis el familio kun Esperanta tradicio, kaj viaj gefiloj, Thomas kaj Judith, ankaŭ aktiviĝis en *Esperantujo,* en Esperanto-Lando, kiel oni diras iom ironie en Esperanto. Kaj kompreneble ankaŭ viaj gefiloj konstante portis novajn junajn gastojn al la hejmo, kiuj kore estis akceptitaj de Elsbeth. Tiuj malfermiteco kaj gajeco, kombinitaj per konscio pri devoj kaj fidindeco estis ŝiaj plej eminentaj trajtoj, ankoraŭ eĉ, kiam ŝi jam tre suferis pro la malsano.

Ĉu dum laborkunsidoj aŭ mondkongreso — Elsbeth, kiu kutime partoprenis, nun mankos. Tio doloras. Malgraŭ ĉia tristeco, kiun mi sentas pro ŝia morto, mi konservos la memoron pri ŝi kun ĝojo. Mi estas dankema ke mi rajtis koni Elsbeth Bormann.

(U. Niesert en Esperanto:) Germana Esperanto-Asocio ŝuldas grandan dankon al sia aktiva membro kaj honora prezidanto. Ni funebras pro Elsbeth Bormann kaj gardos bonan memoron de ŝia varma, optimisma, fidela personeco.

*Laŭsence tradukita de B. Klehr*

---

## Dum la entombiga ceremonio,

la 1an de Novembro 1996 en Hamburg-Bergedorf, ĉeestis proksimume 120 personoj, inter kiuj estis reprezentantoj de GEA kaj ties landaj ligoj de Berlin, Malsupra Saksio, Meklenburgio-Antaŭpomerio, Hamburg kaj Ŝlesvig-Holstinio. Multaj floraranĝoj, senditaj de diversaj asocioj ornamis la halon kaj prezentis solenan kadron. *Benno Klehr*




# Seminarioj en 1997

## „Esperanto-Auffrischungsseminar"

Reperfektiga seminario

por komencintoj, progresintoj, ekspertoj

Sabato, 19a de aprilo 1997, 14a - 18a horo
Dimanĉo, 20a de aprilo 1997, 10a - 15a horo

Programo:

- elektitaj lecionoj el la „Mazi"-video-kurso
- lingvaj ludoj
- pligrandigo de la vorttrezoro
- paroligaj ekzercoj
- refreŝigo de kelkaj gramatikaj eroj

Distra programo:

- prezento de Usona video-kurso
- Sabate vespere vizito de la Hansa-teatro (artistaj prezentaĵoj, kostoj por enirbileto: 45,- DEM)

Aliĝilo dorsflanke

# Jes, mi volas partopreni:

## o Esperanto-Auffrischungsseminar

| | normala prezo | rabatita prezo |
|---|---|---|
| o Sabato 19a de aprilo 1997 | 55,- DEM | 40,- DEM |
| o Dimanĉo 20a de aprilo 1997 (inkluzive de tagmanĝo) | 65,- DEM | 50,- DEM |
| o Hansa-teatro (aliĝo necesa ĝis 07.03.1997) | 45,- DEM | |

## o La platdiĉa lingvo

| | normala prezo | rabatita prezo |
|---|---|---|
| o Sabato 31a de majo 1997 | 55,- DEM | 40,- DEM |
| o Dimanĉo 1a de junio 1997 (inkluzive de tagmanĝo) | 65,- DEM | 50,- DEM |
| o platdiĉa teatro (aliĝo necesa ĝis 25.04.1997) | 45,- DEM | |

o Mi pagas sumon de __________ DEM sur vian konton
o Mi ŝatus tranokti ĉe Esperantistoj, se eblos. Mi ricevos konfirmon.
o Mi ŝatus dormi en hotelo. Bonvolu rekomendi hotelon ĝis ___ DEM por nokto.

Nomo: ________________________________________

Adreso: ________________________________________

________________________________________

Dato: ______________ Subskribo: ____________________

| bv. ne plenigi! |
|---|
| a |
| k |

Kondiĉoj: La aliĝo validas nur kun antaŭpago de la tuta sumo sur nia konto. Nur je ĝustatempa aliĝo kaj je antaŭpago ni povas rezervi bileton por la teatro. Je malaliĝo vi rericevos vian monon krom 25,- DEM por administraj kostoj aŭ vi nomos anstataŭulon. Se ni jam estos aĉetintaj la teatran bileton ni ne povos repagi la monon por la bileto je malaliĝo.

HAMBURG Esperanto

# Seminarioj en 1997

## „La Platdiĉa Lingvo“

Seminario pri la malnova Nordgermana kaj Hansa lingvo

Sabato, 31a de majo 1997, 14a - 18a horo
Dimanĉo, 1a de junio 1997, 10a - 15a horo

Tema programo:

- historio
- politiko
- traduka komparo

Distra programo (Praktikaj studoj):

- platdiĉa teatro: vizito de la fama Ohnsorg-teatro aŭ de alia platdiĉa teatro je sabata vespero (kostoj: ĉirkaŭ 45,- DEM, antaŭaliĝo nepre necesa)
- fiŝfoirejo je dimanĉa frua mateno (7a horo)
- haven-rondveturo je dimanĉo posttagmeze (kostoj: ĉirkaŭ 15,- DEM, antaŭaliĝo ne necesa)

Aliĝilo dorsflanke

# Jes, mi volas partopreni:

## o Esperanto-Auffrischungsseminar

| | normala prezo | rabatita prezo |
|---|---|---|
| o Sabato 19a de aprilo 1997 | 55,- DEM | 40,- DEM |
| o Dimanĉo 20a de aprilo 1997 (inkluzive de tagmanĝo) | 65,- DEM | 50,- DEM |
| o Hansa-teatro (aliĝo necesa ĝis 07.03.1997) | 45,- DEM | |

## o La platdiĉa lingvo

| | normala prezo | rabatita prezo |
|---|---|---|
| o Sabato 31a de majo 1997 | 55,- DEM | 40,- DEM |
| o Dimanĉo 1a de junio 1997 (inkluzive de tagmanĝo) | 65,- DEM | 50,- DEM |
| o platdiĉa teatro (aliĝo necesa ĝis 25.04.1997) | 45,- DEM | |

o Mi pagas sumon de ___________ DEM sur vian konton
o Mi ŝatus tranokti ĉe Esperantistoj, se eblos. Mi ricevos konfirmon.
o Mi ŝatus dormi en hotelo. Bonvolu rekomendi hotelon ĝis ___ DEM por nokto.

Nomo: ______________________________

Adreso: ______________________________

______________________________

Dato: ____________ Subskribo: ______________

bv. ne plenigi!

a

k

Kondiĉoj: La aliĝo validas nur kun antaŭpago de la tuta sumo sur nia konto. Nur je ĝustatempa aliĝo kaj je antaŭpago ni povas rezervi bileton por la teatro. Je malaliĝo vi rericevos vian monon krom 25,- DEM por administraj kostoj aŭ vi nomos anstataŭulon. Se ni jam estos aĉetintaj la teatran bileton ni ne povos repagi la monon por la bileto je malaliĝo.

Esperanto HAMBURG

# Karaj Ne-Hamburganoj,
# ĉu vi deziras
# plu ricevi nian bultenon
# "Esperanto Hamburg"?

Multaj interesitoj en la tuta mondo regule ricevas nian bultenon. Inter ili estis iuj, kiuj iam petis nin sendi; aliaj ricevas ĝin pro ia movada funkcio, kiu eble ne plu ekzistas.
Ni deziras ĝisdatigi nian adresaron - ankaŭ pro financaj kaŭzoj - kaj do petas plenigi la dorsflankan respondilon.

Se vi deziras resti leganto de
*Esperanto Hamburg,* bonvolu respondi!

Por pli rapide ricevi la plej novan eldonon,
eĉ eblas ricevi ĝin fakse!

Kun danko kaj saluto

Benno Klehr

Benno Klehr

# Respondilo

JES, mi deziras plu ricevi la bultenon
ESPERANTO HAMBURG

(Bonvolu signi per kruco)

O per letero, kiel kutime.

O per FAKSO –
sed ne inter horoj ___-___ (laŭ Univ. Tempo)
– por ne ĝeni nokte.

O nur informcele dufoje jare (ŝparas afrankon).

Nomo:..........................................................

Adreso:........................................................

...................................................................

Telefono:......................................................

Fakso (Telekopiilo):

.................. / ............. / ..............................

landa kodo — urba kodo — abonanto-n-ro

............. ..............................

dato — subskibo




# Zamenhoffesto

de Hamburga Esperanto-Societo
7.12.1996 • 19.00 h

Menuo de ses manĝometoj
(ankaŭ por vegetaranoj)

Kroma programo:
Laŭtlegado de poemoj
festparolado
kristnaskaj rakontoj

Aliĝilo dorsflanke

Zamenhoffesto en la Esperanto-Domo Hamburg
Sabaton, la 7an de Decembro 1996, 19.00 h
Klaus-Groth-Str.95 • 20535 Hamburg
Telefono/Fakso: 0 40 – 2 50 30 65

# Aliĝilo

Nomo ..........................................................................

Mi mendas je normala kotizo

de *DM 25,–* por ...... personoj = *DM* ...............

Mi mendas je subtena kotizo

de *DM 40,–* por ...... personoj = *DM* ...............

En la menditaj menuoj
estu vegetaraj menuoj por ...... persono(j)

Mi ne partoprenos (menuon), sed
volas subteni la kluban kason per *DM* ............

Dato: ..............Subskribo .......................................

La menuo estas pagenda surloke; trinkaĵoj ne estas inkluditaj.